# Fenikso

## Forumo de Esperanto Nederland

**www.esperanto-nederland.nl**

**Dumonata membrogazeto de Esperanto Nederland.**

ISSN 1384-6515

Membroj de Esperanto Nederland ricevas la gazeton; la jara kotizo estas € 30,-- (por samdomanoj € 10,-); membroj de NEJ pagas € 15,-- (ties samdomanoj € 5,--) ; FENIKSO estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EUR 17,50
Por tiuj, kiuj tion bezonas, son-kasedoj kun la enhavo estas haveblaj. Informojn donas la sekretario.

**Redakcio:** <redakcio@esperanto-nederland.nl>
Gerrit Berveling
Van Vredenburchweg 435
2284 TA Rijswijk, Nederlando
+31 (0)70-2134914
<gerritberveling@ziggo.nl>.

**Esperanto Publike:** Gazetartikoloj ktp estas bonvenaj ĉe la redaktoro Gerrit Berveling, same kiel informoj pri mencioj de Esperanto en radio kaj televido. Bonv. indiki detalojn.

**Lingva rubriko:**
Emiel Van Damme,
Albert I-straat 44,
BE 1703, Schepdaal, Belgio.

**Teknika redaktoro**: Jakvo: Esperanto-Centro Antverpeno.

**Presado**: Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno.

ESPERANTO NEDERLAND

Prezidanto: vakas

Sekretario PROVIZORE vi uzu la adreson de Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen.

Tel.: 050-57 18 842. <info@esperanto-info.nl>

Membro-Administranto: Remment Balk, Egeïsche-straat 42, 8303 EN Emmeloord. Tel.: 0527-23 93 78.
<membroj@esperanto-nederland.nl>.

Kasisto: Wald ten Hagen, Noordeinde 27, 1141 AG Monnickendam, <kasisto@esperanto-nederland.nl>.

Bankkonto: IBAN: NL10 TRIO 0786 8441 67 nome de Esperanto Nederland, Monnickendam; UEA-konto: esne-h.

Informado/informmaterialo: Ineke Emmelkamp,
Arubastraat 12, 9715 RW Groningen.

Tel.: 050-57 18 842. <info@esperanto-info.nl>.

Studie-weekeinde:
<studsemajnfino@esperanto-nederland.nl>
aŭ Marijke Lathouwers, Kruiszwin 1205,
1788 LE Den Helder, Tel.: 0223-64 37 81.

## Datolimo

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la komenco de septembro 2014. Sendu ĝin kiel eble plej frue, tiam vi ege helpas nin.

## Enhavo



## Ĉe la frontpaĝo

Estraro de Esperanto Nederland dum jarkunveno.
fotis Wil van Ganswijk
Riparota predikejo en Arnstadt kie siatempe predikis Luter. Fotis Marulino
Foto dum la Frisa Projekto - vidu raportaĵon
fotoj de Katilin Kováts

## De via redaktoro

Mi komencu per ĝustigo: en la pasinta numero frontpaĝe vi trovis foton pri KERo en Kubo – sed la aldonita klarigo, ke temas pri Kuba Esperanto-Renkontiĝo iel malaperis, kaj iu bonvola kontrolanto – kiu kie? Neniu plu scias – "riparis" la indikon al KER-ekzameno sur Kubo – kio do estis bedaŭrinde malĝusta. S-ino Katalin Kovács anticipe avertis, ke la sigloj KER- kaj KER tro multe similas, sed oni tamen uzis ilin – kaj sekve okazis miskompreno. Mi treege bedaŭras tion.

Alia afero pri kiu ni revenu al la antaŭa numero de FENIKSO estas, ke pro mallonga ferieto mia, mi estis devigita iom rapide pri la kunmetado de la julia-aŭgusta numero. Per tio bedaŭrinde kelkaj aferoj nur postferie atingis min. Kaj samtempe, por malhelpi ke vi ricevu plurajn malplenajn paĝojn, lastmomente ni estis devigitaj forigi du rubrikojn el la koncerna numero: superrigardon pri Filmetoj rete, kaj same pri Revuoj ricevitaj. Pri la lastaj dum la Jarkunveno mi prezentis la kompletan liston kune kun eta komentado – la revuonumerojn mem, kiel kutime surloke ĉiu povis konsulti aŭ laŭdezire kunporti hejmen. ĉar tion ni faris nia regulo: en la revuo mi mencias, kion ni ricevis, iom komentas foje, kaj Jarkunvene ĉion mi montras kaj metas je via dispono. Pri la Filmetoj en la nuna numero mi revenas.

En Poznan, ĉe la tiea universitato, en februaro 2015 internacia grupeto da nederlandistoj (kun profesoroj kaj studentoj el pluraj landoj) planas okazigi internacian simpozion en la Nederlanda lingvo pri Hella Haasse kaj ŝia libro Oeroeg (Urug). Estas eble, ke mi povos iel partopreni en ĝi – se jes, poste raporteton pri tiu sufiĉe unika afero mi prezentos.

Laste mi volas klare esprimi mian ĝojan surpriziĝon, kiam dum la Jarkunveno oni anoncis min kiel gajninton de la Premio Verloren van Themaat. Dankon al la ĵurio.

Gerrit Berveling

1]**NGGE informas vin**, ke estis aldonita nova seriero de la lingva rubriko 'alternsemajna ripeto'. Bonvolu rigardi la retejon de Esperanto Nederland.

2]**Ĉiuj membroj** povas unufoje jare peti superrigardon pri la membraro ĉe la Membro-administranto.

3]**Nieuwe leden**:
S.ro P.(Peter) Eerhart, Breda
S.ino G.(Greta) Volders, Finsterwolde

**Adreswijziging**:
S.ro R.Schmeits, Helmond
S.ino M.Bösensell, Amsterdam

**Wijziging e-mailadres**:
S.ro R.Groeneveld: groeneveld_robc@outlook.com
S.ro G.Gerritse: gerard.gerritse@home.nl
S.ino C.Pothuizen: cpothuizen@home.nl
S.ro N.Rasic: nikolarasic@zonnet.nl
S.ro A.M.Pijnacker: a.pijnacker@simpc.nl
S.ino: A.M.H.Dodebier: b.dodebier@xs4all.nl
S.ino C.Duivenvoorde-Kors: corine.duivenvoorden@hetnet.nl

4]**Ledenvergadering 21 juni 2014** – een korte impressie

Op 21 juni jl. vond de 23e jaarvergadering van Esperanto Nederland plaats. Deze keer hadden we gekozen voor de locatie Kargadoor aan de Oude Gracht in Utrecht. Ik kwam rond kwart voor tien aan en zag al bekenden voor de deur staan. Zou het wel goed gegaan zijn met de reservering? Moeten we toch weer naar 'Vredenburg'?

Gelukkig kwam de beheerder om 10.00 uur en opende hij de deur. Het duurde dus even voordat de koffie klaar was!

Ondertussen kwamen zo'n 30 leden binnen druppelen. Ook een aantal gasten o.a. Miko Kuijn, voorzitter van Nederlandse Esperanto Jongeren waren aanwezig. Ook een aantal nieuwe leden waren aanwezig! Ik opende de vergadering en heette iedereen van harte welkom.

Dit jaar las ik de namen van vier leden op die overleden: de heren Dekker en Venema en de dames Reddingius en Krombeen.

De officiële punten werden snel afgehandeld. Het jaarverslag 2013 en het verslag van de vorige ledenvergadering werden goedgekeurd. Joeri en Madzy hadden weer heel wat werk verzet.

Even een paar woorden over de financiën. Het bestuur stelde voor om de contributie niet te verhogen, iedereen was akkoord. De kas werd gecontroleerd door Bert en Loes. Wald las het rapport van de kaskommissie voor en was blij dat de kommissie alles in orde had bevonden.

Een grote groep leden betaalt de contributie per machtiging. Gemakkelijk voor iedereen! Steeds meer leden geven hun email-adres op. Ook dat maakt een snelle communicatie mogelijk. Het bestuur kan nieuws meteen rondsturen.

Ook het budget en het werkplan voor 2014 werden goedgekeurd Nu alleen nog maar de mensen erbij zoeken die dit alles gaan uitvoeren!

Vorig jaar waren er wat vragen over de naam van ons ledenblad FEN-X ! Deze naam was na de fusie in 1994 ontstaan uit FEN en de Phoenix die uit as verrees. Maar die X ! De X bestaan niet in het Esperanto-alfabet. Het bestuur stelde voor om de naam vanaf nu te schrijven als Fenikso.

Iedereen was akkoord!

Madzy verliet even haar tafel met de laptop en verzorgde samen met Korine een presentatie over SUMOO. Zou je eigenlijk meer Esperanto-boeken willen lezen, doe dan mee met SUMOO !

Bert vertelde enthousiast over de bijeenkomst die Esperanto Nederland samen met NEJ organiseert van 7 tot en met 9 november 2014. Vinus en Marijke waren bereid om het studieweekeinde in november een iets andere vorm te geven. Er wordt



les gegeven, maar er wordt deze keer ook een interessant programma verzorgt: lezingen en muziek wisselen elkaar af. Het koor uit Alkmaar Malvo treedt op, Kapriol' uit Friesland is present. Wil je meer over de harp weten? Saskia vertelt hierover en speelt natuurlijk ook. NGGE verzorgt ook een programma over Raymond Schwartz. Even naar de duinen of de zee: het kan allemaal vanuit het NIVON-huis in Wijk aan




Zee. Esperantisten, jong en oud, zijn welkom.

De kosten zijn laag. Leden van Esperanto Nederland betalen slechts € 70,--. Dit is inclusief het programma, de overnachtingen en het eten.

De maaltijden wordt door Vinus en Loes verzorgd. En natuurlijk is er koffie en thee!

Pieter vertelde zoals altijd enthousiast over het project 'zustersteden'. De uitwisseling van bewoners van diverse steden verloopt soms moeizaam, het zou mooi zijn als Esperantisten een verbindende rol kunnen spelen.

Het afgelopen jaar is er ook veel te doen geweest over 'ons' monument op Texel. Fietsen stonden her en der rond en tegen het monument aan.

Gelukkig heeft de gemeente nu besloten om dit aan te pakken! Als je in Den Burg (Texel) bent, neem dan even een kijkje en stuur een foto naar mij op.

Aan het eind van de vergadering werd Baukje Muizelaar-Borger genoemd. Zij is dit jaar 50 jaar lid van Esperanto Nederland. Ook Sally Krombeen was 50 jaar lid, maar helaas is zij in het voorjaar 2014 overleden.

Ik noemde ook nog de heer Siem de Korte uit Rotterdam. Hij werd op 7 juni 2014 100 jaar. Ik liet een bos bloemen en een felicitatiekaart bezorgen. Loes meldde nog even dat Peter van Noorden een koninklijke onderscheiding had ontvangen o.a. voor zijn Esperanto-activiteiten.

En één van de laatste onderdelen is het bekendmaken van de jaarlijkse ***Verloren van Themaatprijs***.
De jury heeft deze keer de prijs toegekend aan Gerrit Berveling.

In de rondvraag kwamen nog wat puntjes naar voren, o.a. ANBI, NGGE, het huishoudelijk reglement, en het UK.

Met een zucht van verlichting kon ik toen de vergadering afsluiten.

Dit is slechts even een impressie van de jaarvergadering en geen officieel verslag. Madzy heeft het concept al klaar en dat zal in één van de volgende Fenikso-j verschijnen.

Ineke Emmelkamp / 11 juli 2014.

**5]Ni invitis Baukje Muizelaar** veni al la jarkunveno por ke ni persone povu gratuli al ŝi: ŝi estas membro de Esperanto Nederland dum 50 jaroj.

Ŝi ne povis veni sed skribis retmesaĝon: Hejme en la proksimeco, mi bone fartas, kaj mi estas sana. Sed dum la vojaĝo mi sentas min tro necerta. Rilate al 50jara membreco, mi supozis nur en la jaro 2015. Sed, mi konstatis ke mi eraris, pro la ekzamenjaro 1965.

Por mi ne gravas jubilea tago. Ja dum 50 jaroj mi kun ĝojo profitis la fakton esti iu en la Esperanto-familio.

Amike salutante, Baukje.

**6]Pri la posttagmeza programero** pri "lingvolaboratoria eksperimento" mallonge rakontas dr Federico Gobbo:

Kvankam la ĉeestantoj estis iom surprizaj pri la lingvolaboratorio, ĉar oni atendis prelegon,

10 bravuloj troviĝis por aktive partopreni. Mi estis tre kontenta, ke estis bona ekvilibro inter

virinoj kaj viroj. Homoj fidis je mi, ĉar mi klarigis la funkciadon de la laboratorio mem, sed ne la kialojn. Kiel unua grupo pri pli granda esplorprogramo, ĝi estis tre lerta kaj bone plenumis la taskon.

**7]De Jolanta mi ricevis jen reagon**: jes mi pretas skribi kelkajn liniojn pri miaj BONEGAJ impresoj pri la, por mi, unua jarkunveno. Mi klopodos fari tion kiel eble rapide, ĉar mi konscias ke validas limdato por liveri tekstojn.

Krome, mi faris filmon pri la koncerto de Boudewijn (kia voĉo!),



Jos (la fluta muziko de li estas vere mirinda!) kaj Oscar (bela kontribuo!). Estus bonege, se la viroj konsentus aperigi la filmbildojn rete, ĉar ja estas bela ero de Nederlanda Esperanto-kulturo.

Koran dankon pro la organizo.
Mi ĝojas esti ero de Esperanto Nederland.

1]Kara Gerrit,

Kun admiro mi eklegis la enkondukon pri la Kvar evangelioj. En la Nosobe-semajnfino mi havas libroservan filieton. Mi mem aĉetis brokantan ekzempleron… Eĉ por 'humanisto' / nescianto interesaj faktoj!

Kore, Rob Moerbeek.

2]La festo por Marjorie Boulton bone sukcesis, mi kredas. Vi trovos belajn bildojn kaj raportojn ĉi tie http://esperanto.org.uk/eab/eab_news/2014-05-22_marjorie_boulton_datreveno.html ĉiujn bondezirojn, Geoffrey Greatrex

3]De Nepala Esperanto ; pri 11-a Himalaja Renkontiĝo, 2015 en Nepalo.

Estimata,

Ĉi kune ni sendas al vi inviton pri nia 11a Himalaja Renkontiĝo okazonta ekde 26-a februaro ĝis 8-a de Marto, 2015. Ĉi foje, ni celas turismigi la partoprenantojn en mondfaman turisman lokon de Nepalo, nomiĝas Pun Hill. Ni havos diversajn esperantajn eventojn por pli vastigi nian lokan movadon. En nia evento ĉiuj aĝgrupoj povas facile partopreni, ĝui, kaj samtempe kuraĝigi al nepalaj esperantistoj. Pli detale vi povas legi en www.esperanto.org.np

Se vi havas iujn demandojn pri la programo, bonvole ne hezitu skribi al ni.

Bharat Kumar Ghimire
Nepala Esperanto-Asocio

Retadreso: nespa.1990@gmail.com

4]Skribis: Mian Salam SHANY - pri Junaj Esperantistoj, grandioza estonteco de Nepala Esperanto Movado

Tre kara kaj estimata Gerrit Berveling,

Antaŭ ĉio mi volas elkore danki vin pro via reago. Temas pri nia invito pri volontula instruado de Esperanto en niaj ligitaj lernejoj en Kathmanduo kaj ankaŭ en aliaj belaj urboj de Nepalo. En Kathmanduo, du grupoj de entute 120 da niaj (mi <dekstre kun membriĝkarto de TEĴA> kaj S-ro. Nabin SUBEDI <maldekstre>, vic-ĉefo de SCHOLARS' HOME ACADEMY ) gelernantoj kiuj lernis almenaŭ bazan nivelon de Esperanto ŝatas amikiĝi internacie: https://drive.google.com/file/d/0B5jwpZFihYUXelRjWmxoTzZlc3c/edit?usp=sharing




kaj https://drive.google.com/file/d/0B5jwpZFihYUXMktkZVFOOEx5dEU/edit?usp=sharing

Dua demando: Ĉu vi bonvole povos amikigi geknabojn de via lando al Nepalaj ĉarmaj geknaboj? Ĉu vi aŭ iu el viaj bonkoraj geamikoj jam decidis vojaĝi al Nepalo kaj volontule instrui, lertigi niajn lernantojn flue konversacii en Esperanto? Se jes, bonvolu informi al mi tiel frue kiel eblas, en kiuj monatoj estos oportune por vi aŭ iu alia vojaĝi al Nepalo, do ni planu kaj aranĝu por senpagan tute oportunan loĝadon. Bonvolu skribi al mi se vi havos ia ajn demandojn.

Bonvolu akcepti miajn elkorajn bondezirojn por vi, viaj familianoj kaj geamikoj.

Amike via

Mian Salam SHANY – Ĵurnalisto, Volontula Esperanto-Instruisto kaj Internacia Kunordiganto ĉe Southwestern State College, Kathmandu, Filosofiska Nepal, Pri Esperanto Kursaro, Kultur-interŝanĝaj & Stud-programoj. http://www.southwestern.edu.np/ -- Retadreso: m.s.shany@gmail.com

5]Verŝajne vi jam notis ke ni havas jubileon: la 60-jariĝon de la Rezolucio de UNESKO. Ni aparte atentos ĝin en la instruista konferenco en Montevideo, ILEI.

Kore, Rob.

## Revuoj ricevitaj

Depost la Jarkunveno mi ricevis: Nederlanda Katoliko, nr 1 jan-mart 2014: Heiligverklaring van twee pausen; Sennaciulo nov-dec 2013, nr 11-12 + nr 1-2, jan-feb (1301-1302 + 1303-1304) : temonumero pri Virinaj vivkondiĉoj + temonumero pri Usona imperiismo ; La Revuo Orienta, nr 1108 + 1109, apr + maj 2014 + Jarlibro pri Japana Esperanto Movado 2013: Informoj pri Novtipa Himalaja Renkontiĝo + raportaĵoj pri Japana 101a E-Kongreso, pri Sud-Azia Seminario en Pakistano + pri Irano; La KancerKliniko nr 150, apr-maj-jun 2014: 150a numero de LKK! Ĉi-foje impresis min pleje kelkaj poemoj de la praa Ĉino DU-FU ; La Espero, el Svedio, 2014 :3 : pluraj raportaĵetoj pri la landa kongreso, kaj Borsboom postlegade pri Metropoliteno: Esperanto (UEA), jun 2014

(al ĉiuj konata, mi supozas – vi ja abonas); Kontakto nr 261, 2014:3: artikolo pri Minoritatoj k diskriminacio en fikciaj universoj; AEU-bulteno (Andaluzia Esperanto-Unuiĝo), nr 6, apr-jun 2014: Raportoj pro Hispana + Andaluzia kongresoj de Esperanto en Arundo; nova Irlanda Esperantisto nr 123, jul-aŭg 2014: Frapas min ke guste en la paĝo por komencantoj estas kvadrateto anstataŭ _ŝ_; rete mi ricevis NGGE Sciigas: informoj asociaj.

## Recenzo(j)

**Ĉina poeto foje enigma sed tre leginda**

En 2006 Mondial eldonis poemaron pli ol du cent kvindek paĝan de Mao Zifu, Kantoj de Anteo (ISBN 1-59569-044-1) kun kovrildesegno kaj inlustraĵoj de la aŭtoro.

La antaŭparolo de Miguel Fernándes estas prilaborita prelego kadre de la UK en Montpellier en kiu li admire parolas pri la verkaro de la poeto kaj rakontas pri lia sorto. Pro dumbicikla kolizio kun traktoro 22-jara Mao Zifu duonkorpe paraliziĝis kaj nur pene povas tajpi siajn versojn.

La titolon klarigas noto ĉefine de la poemaro: "anteo en greka mito giganto, filo de pozidono kaj gea (la tero). li ĉiam venkis en luktoj ĉar, falinta sur la teron aŭ tuŝante ĝin, lia patrino gea redonis al li fortojn. heraklo, levinte lin super la tero, sukcesis sufoki anteon."

La poemoj dividiĝas en kvar partoj sekvate de kelkpaĝa glosaro: kantoj de anteo, eterna distanco, ekspliko, ŝanĝado.

La poeto ne uzas majusklojn, al kio mi rapide kutimiĝis. La poezio estas ofte iom enigma, bezonante relegadon kaj pripensadon, kio valoras la penon. La vortostoko de la poeto estas tre granda, havi vortaron ĉemane dum legado pliriĉigos vian konon de Esperanto.

Jen kelkaj ekzemploj:

El al vishnu ho, viŝnuo, kuŝi sur la lito de prokrusto mi ne volus!

jam sen piedoj mi ankoraŭ preĝas: sulfuro diluvo
jam ne venos; la patro do vivu pli longe ol dio. El
ĝainisme por dek jaroj mi kuŝas sur matraco
najla. eskapinte el la brido de l' mortema mondo, estas
mi venkanto de amoro. neniam in-prem'. do virgo
budaano. probable igos min pureco iri l' plej altan
ĉielon liberiĝi en tunelo sub marego trajno haltis
pro akcidento. ĉi ekster tero kaj ĉielo horo for de
kalendaro. ĉise gefiloj. transe edzino(j). ĉe mano
biblio dio dormantas sen papero sen skribilo mordu do
fingron per sango faru testamenton sur ĉemizo. kvar
membrojn al gefiloj la trunkon al edzino. la spiriton al
devo kaj nepro. konstruu cenotafon en aero.

Kelkaj poemoj estas dediĉitaj al esperantaj poetoj, i.a. William Auld, Marjorie Boulton kaj Kurisu Kei. En la poemo rilatoj al sinjoro ŝi 60-jara, li mencias kelkajn konatajn personojn, i. a. "Berveling ŝutas fonton / sur via kap'. (ho preskaŭ / vi dronis en la tajdo.)"

Fine de la poemaro estas la ĉapitro ŝanĝado, 64 poemoj pri la diagramoj de la Libro de ĉanĝiĝoj (I ĉing) kun prefaco de Shi Chengtai pri tiu libro kaj pri la poeto.

La tridek dua poemo, Persisto:

tamburo fluto fluto tamburo. barko kun la masto al la vastaĵoj de tifaoj. laguno, lanugoj. argilo kaj la manoj kalaj, velkaj haroj. la fundon esplori, iom, mute, verŝi supren. bobeni la velon febre jam kolapsan. bordo. for de la akvoj kaj glavo. pioĉoj, erpiloj. sur grundo. ŝvito ne kun sango. lumo inter flamo kaj glatiso. ĉapo, la ĉielo. la ombro, rea nokto.

Anneke Buys.

**Du membiografioj**

En 2013 aperis VoKo serio n-ro 29: Kiu ĉi mi? de Gerrit Berveling.

Antaŭ dek jaroj aperis tri aŭtobiografiaj libretoj de la aŭtoro, kiuj iel kunfandiĝis en ĉi tiu ducentpaĝa libro, aldonante pliajn informojn – mi almenaŭ ne memoras priskribon de la geavoj.

ĉi tiu membiografio kvazaŭ birdoperspektive priskribas vivon "ĝisnunan" kaj verŝajne post kelkaj jaroj bezonos suplementan ĉapitron, sed tio ne signifas ke oni atendu tion.

Estas interese, legi kvazaŭ aŭdante la voĉon de la aŭtoro, en sama stilo: foje tre koncize, foje pli ampleksa, ĉiam interesa. Lernejoj, geamikoj, parencaro, decidoj pri studo, laboro, hobioj kaj kompreneble la eklerno de Esperanto kaj pliprofundiĝo en ĝi estas ĉu kelkpaĝe ĉu per unu alineo priskribitaj.

Reage (aŭ kompletige) al Kiu ĉu mi? jaron poste aperis VoKo serio n-ro 30: Kaj jen mi de Madzy van der Kooij.

Ankaŭ ĉi tie mi legis foje koncize, foje pli longe kaj detale, pri lernejoj, parencaro, geamikoj, hobioj, laboro. Kompreneble ambaŭ libroj rakontas pri geedziĝo, infanoj, genepoj, naskiĝoj kaj mortoj.

Leginte ambaŭ librojn unu post la alia mi sentis kvazaŭ rigardinte du flankojn de tapiŝo: la koloroj estas preskaŭ samaj, la desegno inversa.

Poste mi pripensis la diferencojn inter romkatolika, remonstranta kaj "gereformeerde" (reformita) familioj en la kvardekaj-sesdekaj jaroj de la lasta jarcento; naskiĝinte samperiode mi povas kompari memorojn, kvankam mi ne studis en altlernejo aŭ eĉ universitato, sed jam 17-jara eklaboris en poŝtoficejo, edziniĝis 19-jara, kelkajn jarojn

poste kun la edzo bahaaniĝis kaj eklernis Esperanton nur en 1986.

Ĉiu leganto trovos aliajn diferencojn inter la propraj vivo kaj konvinkoj kaj tiuj de Madzy van der Kooij kaj Gerrit Berveling, kio faros la legadon des pli valorplena kaj interesa.

Anneke Buys.

## Invitoj

**1]Sabaton la 11an de oktobro**
Internacia Esperanto-Instituto (IEI) en Riouwstraat 172, Den Haag (Hago) organizos duoblan kunvenon:

- antaŭtagmeze:

Ekspliko pri la instalo kaj uzo de ESPSOF, la komputilprogramo per kiu oni povas kontroli Esperanto-tekstojn pri eraroj kaj serĉi konkordancojn en ili.

10:30 - 11:00a horo: akcepto kun kafo/teo

11:00 - 12:30a horo: Espsofkunveno

- posttagmeze:

Literaturkunveno sub gvidado de Gerrit Berveling.

Kune ni priparolos verkojn de li kaj de aliaj aŭtoroj.

13:00 -13:30a horo: akcepto kun kafo/teo por la literaturkunveno

13:30 -16:00a horo: literaturkunveno

Gerrit priparolos kaj legos kun ni erojn el diversaj verkoj plus originalajn poem(et)ojn:

Abram Kofman – ero el Homero – Iliado & propra poemeto (frua periodo)
Gaston Waringhien – ero el lia 4voluma traduka antologio pri Franca poezio & propra poemo
Albert Goodheir – ero el tradukita greka dramo & propra poemo
Gerrit Berveling – ero el Antologio Latina 5: La descendo de Jesuo en infero & propra poemo
István Ertl – ero el traduko el la latina & propra poemo.
16:00 -16:30a horo: vendo de libroj, adiaŭo, ktp.

Inter 12:30 kaj 13:30a horo ne okazos komuna lunĉo. Oni devas mem kunporti ion por manĝi aŭ ion manĝi en la ĉirkaŭaĵo de la Instituto. Tamen kafo kaj teo versiĝos!

Aliĝo al la ESPSOF-kunveno kaj/aŭ al la literaturkunveno per pago de €3,-- entute al ING-bankkonto (IBAN) NL 52 INGB 0000162626 nome de Int.Esperanto-Inst., Den Haag. Bv. indiki kiu(j)n kunveno(j)n vi partoprenos.

Tre koran inviton al ĉi tiu tre interesa tago! Por demandoj aŭ kromaj informoj: Retpoŝto: iesperanto@versatel.nl aŭ telefono: +31 (0)24 3656815 (Piet Buijnsters) aŭ +31 (0)1746 23086 (Jolanta van Holstein) Vidu ankaŭ nian retejon: www.iei.nl

**2]Vidu la dorsoflankon**: **KoSoPoSo** – 7-8-9-nov-2014.




**3]KoSoPoSo, la Klaĉ- kaj Studkunveno Post-Somera**.

Datoj: de la 7-a ĝis la 9-a de novembro. Loko: Nivon-domo De Banjaert, Wijk aan Zee.

Por kiuj? Nia KSPS estos por grandaj kaj malgrandaj, junaj kaj maljunaj homoj. Vidu la du fotojn de la novembra kunveno de la studsemajnfino en la sama domo, en la jaro 2010! Tiam ni okupis nur malgrandan parton de la domo, sed nun ni luis la tutan domon, kun loko por 80 homoj. Kaj la nomo de nia semajnfino ni ŝanĝis , ĉar ne nur Esperanto Nederland organizas la eventon, sed ni kunlaboras kun NEJ. La junulara asocio organizis jam plurfoje sukcesplenan semajnfinon, la KoKoPoSo, (Klaĉ Kunveno Post-Somera), kun multaj partoprenantoj el en-kaj ekster-lando.

Nun ni volas doni al ĉiuj partoprenantoj la eblecon elekti : Klaĉi, aŭ Studi Esperanton. La du asocioj prizorgas ĉiu la propran grupon koncerne al aliĝoj. Do, por la membroj de Esperanto Nederland validas la sama aliĝadreso kiel por la Studsemajnfinoj. Vidu ĉi-sube. La prezoj iomete plialtiĝis: Membroj de Esperanto Nederland aŭ de alia, eksterlanda, asocio pagas € 70, kaj aliaj personoj € 80. NEJ prizorgos la aliĝojn de la junularo, vidu ilian retpaĝon: www.esperanto-jongeren.nl.

Ni jam cerbumis pri allogaj programeroj, kaj ne nur havos lecionojn, sed ankaŭ interesajn prelegojn, kaj prezentadojn. Kelkaj el ili estos:

Rob Moerbeek: ŝercojn de Raymond Schwartz, Bert de Wit: Scenaroj pri la estonta E-movado, Kees Ruig: Merkato, Saskia Veen: La Harpo, Ekskurso tra la dunoj, bicikle aŭ piede, Loes Demmendaal kaj Marijke Lathouwers: Kuirlaborejoj pri nederlandaj manĝaĵoj, Roel Haveman kaj Arjen-Sjoerd de Vries: Lecionoj por komencontoj kaj komencantoj.

Vendredvespere la Esperanto-ĥoro el Alkmaro, Malvo, venos por kanti kaj kantigi, Sabatvespere la muzikgrupo Kapriol' prezentados kaj dancigos . La amsterdama rondo

ankaŭ kunlaboras. Je dimanĉo vi povas kuniri kun ekskurso per trajno al Amsterdamo, kie Ans kaj Peter prizorgos programon en la hotelo De Koopermoolen.

Ni petis kelkajn aliajn konatajn personojn fari ion, sed ni devas ankoraŭ atendi la interkonsentojn.

Do, kiel vi vidas, por ĉiu okazos io konvena kaj ŝatinda.

Aliĝu do baldaŭ, ĉar plena estas plena. Oni ankaŭ povas aliĝi por nur unu tago. En la retpaĝo de Esperanto Nederland jam troviĝas aliĝilo. Se vi ne komputilumas, demandu paperan aliĝilon ĉe: Vinus Lathouwers, Kruiszwin 1205, 1788 LE Julianadorp. aŭ telefonu, ankaŭ por pli da informoj: 0223-643781, kaj por la komputilantoj: studsemajnfino@ esperanto-nederland.nl



Iedereen, groot of klein, jong of oud (zie de foto's van een eerder weekend in hetzelfde huis) is welkom om deel te nemen aan dit unieke Esperanto-weekend.

Plaats: De Banjaert, Wijk aan Zee. Datum: 7,8 en 9 november. Gelegenheid tot leren van Esperanto voor beginners en iets gevorderden. Voor de rest: deelname aan interessante lezingen en werkshops, met als voertaal: Esperanto. Niet te lang wachten met aanmelden, anders zit je ernaast!

Marijke Lathouwers.

4]**Op 23 augustus 2014** is er een Esperanto-stand in de Doelenzaal van de Bibliotheek in Haarlem. Bert de Wit organiseert dit.

Voor Esperantisten: Wie helpt mee om informatie uit te delen?

Spreek je nog geen Esperanto? Kom dan langs!

Informatie bij Bert de Wit: ajf.dewit@ziggo.nl

## Esperanto publike


MOLENWIEKJE

Ook het Anne Frankhuis heeft een folder in de Wereldtaal

**ESPERANTO**

Meer info: <www.Esperanto-Nederland.nl>

Op de valreep kreeg ik, vandaag 30 mei, het blad DE GEESTMOLEN.
Dus zend ik u een *Molenwiekje* voor de rubriek 'Esperanto publike': ook hetv Anne-Frank-Huis heeft een folder in Esperanto.

Ans Heijstra-Valkering, Heiloo.

## Filmetoj

Kiel intertempe certe vi ĉiuj scias, aperas daŭre multege da grandaj kaj malgrandaj filmetoj en la reto. Absolute ne estas eble prezenti realan superrigardon sed almenaŭ kelkajn ni volas mencii al vi:

1]Globeto intervjuas Orlando Raola (filmo en Esperanto) http://youtu.be/J9qQlYC7tHc
miguel gutiérrez adúriz

2]Movado aŭ kulturo? La ideologia bazo de la Esperanto-poezio. Bela prelego de Humphrey Tomkin en la Internacia Kongresa Universitato de la 97-a UK en Hanojo la 31-an de julio 2012.
https://www.youtube.com/watch?v=v0K05ranQnM

3]Klezmorimleben, Jida muziko – bona prezento. Oni ludis en 21.9.2013 sub la nomo Klezmorim Sennomaj dum XXIX. Arkones en Poznan. http://pola-retradio.org/wp-content/uploads/2014/03/RetRadio_04.03.2014.mp3

4]Jen la enkonduko de la spektaklo "Vivu la teatro 2014", en Arundo . http://youtu.be f3Sp8RfykYgmga

5]"Feo de la Luno" estas originala lulkanto en Esperanto, verkita de Liven Dek.

La ĥor-aranĝo estas de Kvaropo Sinkopo. Kaj la prezenta premiero okazis en la inaŭguro de la 73a HEK kaj la 18a AEK (Arundo, majo 2014). http://youtu.be/shTfFzn5BOkmga

6]El nia nio inta - Miguel Fernández - Kanto en Esperanto

"El nia nio inta" estas, eble, unu el la plej belaj originalaj kantoj en Esperanto. La teksto estas soneto de Miguel Fernández aperinta en la libro "Ibere libere", eldonita de IEM. La melodion komponis samideano Pedro Vilaroig. Ĉi kanto fermis la inaŭguron de la 73a Hispana Kongreso de Esperanto kaj la 18a Andaluzia E-Kongreso, kiuj samtempe okazis en Arundo (Ronda) de la1a ĝis la 4a de majo de 2014.

https://www.youtube.com/watch?v=8MlRH7jAxEM&feature=youtu.be

7]Antonio de Barrio, Prezidanto de HEF, omaĝas Prof. Juan Régulo Pérez, en la centjara jubileo de lia naskiĝo, deklamante la poemon "Al vi, Don Juan, kiu, laŭdire, mortis", originale verkita de Miguel Fernández,

(Vivu la Teatro, Arundo, majo de 2014).

http://youtu.be/TfbrfRtRN9w

8]por tiuj kiuj volus sed ne povas viziti la nunan UK-on: Pejzaĝoj de la argentina pampo https://www.youtube.com/watch?v=v7PzYE5WRLY kaj Adiós pampa mía – kanto kaj danco https://www.youtube.com/watch?v=BKRh_QE0-Ls

9]Iom amuza profesia prezento pri ras-rilatoj/migrado en Germanio en publika tramo: https://www.youtube.com/watch?v=kBmMjdelI9E Miaj subtekstoj difektiĝas mez-voje.

## Raportaĵoj






1]Grundtvig-leertraject over de Friese cultuur

De Nederlandse stichting 'Fondaĵo Edukado.net' heeft van 22 t/m 25 mei 2014 een leertraject georganiseerd met als thema 'Friesland en de Friese cultuur'. Het initiatief werd ondersteund door het Grundtvig-project Leven Lang Leren in het kader van een internationaal samenwerkingsverband.

Aan het programma hebben vier organisaties deelgenomen met in totaal een zestigtal leden. Die organisaties waren:

- uit Polen (Nowy Sącz) het Centrum edukacji Międzykulturowej
- uit Nederland (Den Haag) de stichting Fondaĵo edukado.net
- uit Duitsland een filiaal van de Deutsche Esperanto-Bund: 'Filiale für Weiterbildung und Kultur Herzberg am Harz'
- uit Hongarije (Boedapest) de Kultura Esperanto-Asocio (KEA)

De vereniging Esperanto Nederland werd vertegenwoordigd door Ineke Emmelkamp (bestuurslid) en Arjen-Sjoerd de Vries (lid).

Gedurende de eerste twee dagen hebben de buitenlandse gasten Amsterdam en Den Haag ontdekt onder begeleiding van twee vertegenwoordigers van de stichting Fondaĵo edukado.net: Katalin Kováts (directeur) en Sylvain Lelarge (bestuurslid).

Het weekendprogramma (op 24 en 25 mei) vond plaats in Friesland, waar de Friese Esperanto-muziekgroep Kajto de begeleiding overnam. De gastheer en –vrouw lieten de groep drie Friese steden zien: Sneek, Hindeloopen en Leeuwarden, waar de gasten op zaterdag ook het straatfestival hebben kunnen meemaken. In het hotel in Sneek werden diverse culturele




onderdelen gepresenteerd, o.a. op zaterdagavond de folkloristische dansgroep 'De Ljouwerter Skotsploech', die na hun dansprogramma ook over hun kostuums en over de Friese tradities vertelde. De volgende dag gaven twee Esperanto-muziekgroepen een reeks presentaties: 'Kapriol' vertelde over Friesland en het Fries, en 'Kajto' over specifieke culturele aspecten van Friesland (sporten, dieren, eten en drinken, enz.). Uiteraard was er het een en ander te proeven. Een Fries echtpaar kwam nog specifiek vertellen over de traditionele kleding. Het muziek- en dansprogramma (waaraan ook het publiek kon deelnemen) maakte het geheel compleet.

Over de presentaties en verschillende gerelateerde thema's verschijnt binnenkort een online-cursus met 10 lessen in de sectie liberaj studoj van edukado.net, met teksten, tests, audiomateriaal en films, zodat de Esperantisten over de hele wereld onze kennis van deze Nederlandse minderheid en haar rijke cultuur zullen kunnen delen. Het volgende traject in het kader van dit project zal in september 2014 plaatsvinden in Hongarije, met als thema 'De wijn, van druif tot fles'.




2]Diskonigo de la ĵurio pri la Verloren van Themaat-premio:

La membroj de la komisiono Joke Hoobroecxk, Kees Hoeijenbos kaj Els van Dijk plenumis la taskon prijuĝi la ensendaĵojn por la Verloren van Themaat-premio. Ni trovis dignan kandidaton. Estas persono kiu ĉiam pretas publike prezenti nian lingvon kaj literaturon al la ne-esperantistoj per ĵurnalajartikoloj, prelegoj kaj intervjuoj. La nederlandlingva kontribuo pri Esperanto antaŭ





la teatraĵo pri Moresnet en la urba teatro de Roterdamo, estas ekzemplo de lia multflankeco.

Mi parolas pri Gerrit Berveling. Nome de ni ĉiuj mi gratulas lin. La komisiono krome dankas ĉiujn membrojn, kiuj iel kontribuis al la konateco de Esperanto.

Ni ne forgesu proverbon de Zamenhof ***"Sen gutoj malgrandaj maro ne ekzistas"***.

Sally van Aartsen-Krombeen naskiĝis en Roterdamo, la 20an de januaro 1923. Ŝi havis unu fraton, Leo, sed ĉu li estis pli aŭ malpli aĝa, mi ne scias. Pri ŝia junaĝo mi nur scias, ke ŝi sekvis mezgradan instruadon kaj akiris diplomon kiel farmacia asistantino.

Mi konatiĝis kun Sally, kiam mi membriĝis al la Hilversuma klubo de F.L.E. ŝi aktivis en la klubo i.a. per la organizado de la Faulhaber-semajnfinoj. Tiuj ofte okazis en la Naturamika domo en Lage Vuursche apud Hilversumo.

Sally ankaŭ interesiĝis pri instruado de la lingvo kaj kune ni sekvis en la Esperanto-domo en Hago serion de trejnadkunvenoj pri la Che-metoda instruado.

En Hilversumo ankaŭ ekzistis klubo de L.E.E.N. kaj la du kluboj ricevis reciproke siajn membrojn en siaj kunvenoj. Sally plurfoje vizitis SAT- kaj UEA-kongresojn. Dum unu el tiuj kongresoj ŝi renkontis Dies Krombeen. Li estis la motoro de la Esperantoklubo Meza Zelando, kies membroj estis anoj de diversaj Esperanto-asocioj, kiuj tiutempe ankoraŭ ne kunfandiĝis. Sufiĉe avangarda. Dum jaroj Dies prezidis ĝin, ĝis lia sanstato ne plu toleris tian agadon.

Kiam Sally kaj Dies geedziĝis en la komunumo Reimerswaal estis vintro; la vojoj estis neĝkovritaj kaj la Hilversumaj geamikoj, kiuj ĉeestis la ceremonion, havis penan hejmvojaĝon. La geedzoj ekloĝis en Kapelle en Zelando.

Sally kaj Dies partoprenis multajn Esperantajn kongresojn kaj gastloĝis tiam en gastejoj de la Internacia Asocio de la Naturamikoj. Tie ili renkontis multajn Esperantistojn, ĉar la Asocio havis Esperantan sekcion kaj en la gastejoj Esperanto ofte estis la ĉiutaga komunikilo.

Kiam Dies ne plu prezidis la Zelandan klubon, ili ambaŭ tamen kiel eble plej fervore partoprenis plu en la kluba vivo. Iam la Zelanda klubo prosperis, sed kelkaj junaj membroj transloĝiĝis pro studo aŭ laboro kaj iom post iom multe de la aĝiĝintaj membroj mortis.

Nur kelkaj geaĝuloj restis, sed ne kapablis daŭre vivteni la klubeton. Kun multe da doloro kaj bedaŭro ni devis decidi fini niajn kunvenojn. Ekde tiam ni iom post iom perdis la kontakton unu kun la alia.

Sally kaj Dies transloĝiĝis al flegejo.

La 18an de majo 2011 ni ĉeestis la funebran ceremonion de Dies, kie mi kiel iama prezidinto de la klubo, diris kelkajn vortojn nome de la Esperantistoj. Poste la sanstato de Sally malboniĝis kaj kontakto kun ŝi ne plu eblis. Sally mortis la 27an de marto 2014 en Kapelle.

Mi ricevis funebran leteron, sed ne eblis ĉeesti la ceremonion. La kremacio okazis en la familia rondo.

Sofie Mensen






# KoSoPoSo

La Klaĉ- kaj Studkunveno Post Somera okazos:
La 7an, 8an kaj 9an de novembro 2014
en la ejo Banjaert, Wijk aan Zee.
Ni invitas vin ĉiujn veni!

Kapriol' prezentiĝos la sabatvesperon
Vi povos bicikli tra la belaj dunoj
'Scenarojn pri la Estonteco' gvidos Bert
Prelego pri harpo de Saskia
Kuirlaborejo – Loes, Vinus kaj Marijke
Vi povos studi Esperanton!
Kees parolas pri 'Merkato'
Jen nur kelkaj eroj en la programo!

Iedereen is welkom om deel te nemen aan de Esperanto-bijeenkomst in de Banjaert, Wijk aan Zee,
die gehouden wordt op 7, 8 en 9 november 2014.
Een bijeenkomst van de Nederlandse Esperanto-Jongeren en het studie-weekeinde in één weekeinde!
Jong en oud zijn welkom.

Informatie en aanmelding bij:
Vinus en Marijke Lathouwers
Kruiszwin 1205, 1788 LE Julianadorp
studsemajnfino@esperanto-nederland.nl
tel: 0223-643781

FEN-X
19a jarkolekto, n-ro 3
majo-junio 2014

*Eventueel retouradres*
Esperanto Nederland
Gerrit Berveling
Van Vredenburchweg 435
2284 TA Rijswik

PostNL
Port betaald
Port payé
Pays-Bas